revuo

# Babilanto

INFORMILO DE AGADO POR LA PROGRESIGO DE ESPERANTO EN TOGOLANDO

n-ro 14 januaro – marto 2016

Karaj legantoj,

Jen, komenciĝis la jaro de la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto, kun jam 9 aliĝintoj de 7 landoj el 2 kontinentoj! Certe estos neforgesebla tiu kongreso. La organizantoj ĵus konfirmis, ke ĝi okazos de la 24-a ĝis la 31-a de decembro 2016 en Tanzanio en la urbeto Bunda.

Enskribiĝu por tiu ĉi kongreso kaj helpu, por ke ĉi tiu historia evento kaj kontinenta superu ĉiujn prognozojn.

Ju pli ni estos multnombraj por partopreni en ĝi, kaj des pli grava kaj videbla estos la efiko. Do, rendevuon en Bunda post kelkaj monatoj.

Bonan legadon!

**Vovo Vivi**

*Chers lecteurs,*

*Ça y est, l'année du 6e Congrès panafricain d'Espéranto a commencé, avec déjà 9 inscrits de 7 pays sur 2 continents! Certes ce congrès sera inoubliable. Les organisateurs viennent de confirmer qu'il se tiendra du 24 au 31 décembre 2016 en Tanzanie dans la ville de Bunda.*

*Inscrivez-vous à ce congrès et contribuez à ce que cet évènement historique et continental dépasse toutes espérances.*

*Plus nous serons nombreux à y participer, et plus notre impact sera important et visible. Donc, rendez-vous dans quelques mois à Bunda.*

*Bonne lecture!*

***Vovo Vivi***

## Togolando: nova Esperanto-grupo en altlerneja sfero

STELomeo estas la nomo de la nova Esperanto-grupo nun funkcianta en la universitao de Lomeo (UL) kaj konsistanta el gestudentoj. Ĝin starigis Koufionou Koffitche, sekretario de la Junulara Organizo de Togolandaj Esperantistoj (JOTE), la 11-an de januaro 2016.

La grupo regule organizas lernokunvenojn kun partopreno de deko da interesiĝantoj. Tiuj ĉi ĝojege kaj diligente lernas la lingvon. Pli kaj pli ilia nombro grandiĝas tamen ni ankoraŭ ne havas fiksan kunvenejon. La kurso do okazas en sinsekvaj malsamaj lernoĉambroj laŭ disponebleco de tiuj ĉi. Ni adresis leteron al la universitataj aŭtoritatoj por informi ilin, same kiel faras similaj grupoj, kiuj aktivas en la universitato.

Por teni informataj konstante la grupanojn pri la loko, dato kaj la horo de ĉiu sekva kurso, ankaŭ por montri al ili pri la perfekta funkciado de la lingvo en la ĉiutaga vivo kaj per tio, sproni ilin al pliaj paŝoj aŭ al tuja ekuzo de la lernitaĵoj, mi per poŝtelefono ligis ĉiujn kune kun kelkaj lertaj esperantistoj en komuniklisto ĉe *WhatsApp* [ŭazap]. La listo funkcias ankaŭ kiel forumo, kie ĉiuj levas demandojn kaj laŭeble ricevas kontentigajn respondojn i.a. pri gramatikaĵoj. Kaj temas pri bela sukceso ĝis nun.



Kelkaj el la grupanoj

Menciindas, ke en la 2013-2014-aj jaroj sinjoroj Kradi Kouami (nun loĝanta en Rusio) kaj Efoe Kossi (en Usono nun) kun helpo de APETO – Agado por la Progresigo de Esperanto en Togolando – funkciigis viglan Esperanto-kluban vivon en la universitato de Lomeo kaj eĉ etendis ĝin al la universitato de Kara, la dua plej granda ŝtatlanda universitato en la nordo.

**Koufionou koffitche**
**ŭazap +22898989138**

# Esperanto kaj solidara turismo en Madagaskaro



Nomad'kurso estas sendube unu el la plej justaj kaj utilaj Esperantaj renkontiĝoj. La ideo estas interesi homojn pri Esperanto, profesie instrui ĝin al ili kaj praktiki solidarecan turismon dum grupaj vojaĝoj. Post Togolando (2014), Ĉehio (2015), Nomad'kurso ĵus gastis en Madagaskaro jarkomence 2016.

En la tagmezo de la 8-a de januaro alvenis grupo de 15 eŭropaj geesperantistoj ĉe la internacia flughaveno Ivato. Dina, Gynet kaj Henriel ĉeestis por helpi kaj akompani ilin al ilia gastejo. Survoje regis agrabla etoso kaj niaj gastoj provis sperti la vivon de la lokanoj, ni trinkis kafon ĉe surstrata vendejo, tagmanĝis en rapidserva manĝejo en subĉiela bazaro. Tio iĝis spektaklo nekutima por malagasoj kaj multaj homoj amuze ridegis, vidante *Vazaha* (blankulojn) manĝi rizaĵon. Cetere, ni publike babiladis laŭte en Esperanto, kio vekis scivolemon ĉe nia aŭskultantaro. Kelkaj homoj eĉ petis lerni la lingvon.

Nomad'Kursanoj vojaĝis tra Morondava al Ambositra, Fianarantsoa kaj Ambalavao, kie ni restarigis E-klubon. Tiun ĉi vizitis ankaŭ Gynet dum tri tagoj. Ni reiris al Fianarantsoa kaj trajne vojaĝis al Manakara. De tiu marborda urbo ni veturis al Mananjary kaj enŝipiĝis sur la Pangalana Kanalo dum tri tagoj antaŭ ol atingi la urbon Mahanoro. Poste ni busvojaĝis al Toamasina renkonte al samideano Cléophane kaj al Moramanga por gasti en la centro Gazela, kiun mastrumas samideanino pastrino Miora. Ni profitis la okazon por viziti la parkon Andasibe kaj poste ni revenis al Antananarivo. Krom la renkontiĝo kun la geklubanoj de IEK en Itaosy, la grupo vizitis ankaŭ IMRA-n, privatan instituton kiu esploras pri la fabrikado de medikamentoj el plantoj. Antaŭ ol revojaĝi al Eŭropo, ĉiuj niaj gastoj vizitis ankaŭ pastron Pedro en lia vilaĝo Andralanitra. Entute Nomad'Kursanoj trairis 3.000 km dum tri semajnoj. Ĉiuj sentis la fratecan etoson, kiu regis dum la vojaĝoj. Ĉiuj taksis la eventon sukcesplena kaj instigis nin daŭrigi en la sama spiritstato, t.e. kombini Esperanton kun solidareca turismo el kio la lokaj esperantistoj kaj la loĝantoj povas profiti. Rilate la E-instruadon, konstateblas tio, ke pli altiĝis la nivelo de la komencantoj kaj ili pli bone perceptis la magian econ de nia lingvo. Krome, la grandeco de la grupo ebligis ankaŭ videbligi Esperanton tie, kien ni vizitis. Nia deziro nun estas, ke iu alia grupo venu sperti la saman aventuron, por senti la homan kaj varman gastemon, kiu elstarigas la malagasojn.

Jam dum pli ol 15 jaroj preskaŭ ĉiun duan jaron, Jean Pierre Marcq, Evelyne Rotellini kaj iliaj konatuloj vizitas Afrikon. En 2004 ili fondis asocion «Une école au Togo» por subteni finance la lernejon Instituto Zamenhof de Lomeo, en 2012 ili starigis laŭleĝe en Francujo «Esperanto Plus» por helpi al la profesia uzo de Esperanto fare de afrikanoj tra la kontinento. Kaj ĉar en ilia hejmvilaĝo Arrout ili kutimas akcepti el diversaj anguloj de la mondo esperantistojn, kaj ne ĉio devas sekvi la rutinon, jen en 2014 ili ankaŭ elpensis novan formon de renkontiĝo kun la nomo Nomad'kurso.

**Fidilalao Henriel**

La revuon Babilanto
Edonas: APETO
Redaktas: p/a Vovo Vivi
babilanto@gmail.com
uea-konto: apto_c

# La 23-a Togolanda Esperanto-Kongreso

La 23-a Togolanda Esperanto Kongreso okazis en du lokoj Anjronkope kaj Vogan. Entute 41 personoj partoprenis en ĝi. El la partoprenantoj estis esperantisto el Burundo, nome s-ro Birindwa Mushosi. Tiu ĉi eĉ prezentis prelegon pri la kongresa temo «Paŝoj al plena posedo» kun kontribuo kaj klarigoj de Koffi Gbeglo. Aliaj venis el DR Kongolando kiel Alexandrine Omba Tshamena kaj Monique Mandianga. S-ro Desiré Rabevazaha el Malagasio kaj Moresson Feidangai el Centrafriko/Kamerunio ankaŭ partoprenis la kongreson.

La kongresanoj spektis i.a. la dancojn de la folklora grupo «Gbekon», tiujn de «Zan-gbeto» riĉajn je magiaĵoj kaj koncerteton de esperantisto Mele Paulo Amakoe. Ne mankis futbala ludo dum kiu la kongresa teamo perdis 0-3 kontraŭ *Gayars Club*. Okazis ankaŭ oratora konkurso, lingva festivalo kaj deklamo de poemoj kaj kvizo kun disdono de premioj al la laŭreatoj.

La kongreso traktis agadraportojn de la landa asocio UTE, de la junulara sekcio JOTE kaj ties respektivajn planojn por la jaro 2016. Ĝi ankaŭ decidis la kuniĝon de UTE-estraro al la gvidantaro de la komitato, tiel ke s-ro K. Agbossou pluestas la financa respondeculo de la asocio kaj havas la taskon kontroli ĉiujn spezojn de la asocio. Lin helpos la estro de la komitato Apelete Agbolo, kiu havas la taskon gardi la monon kaj fari la elspezojn laŭ la rekomendo de la tuta komitato. Koffi Doumegnon helpos la sekretarion en la verkado de agadraportoj ĝis la proksima TEK.

**Kongresa rezolucio**

Kvardek unu esperantistoj el Togolando, DR Kongolando, Burundo, Centra Afriko/Kamerunio kaj Madagaskaro, kongresante en Vogan de la 25-a ĝis la 27-a de decembro 2015, kaj diskutinte pri la kongresa temo «Paŝoj al plena posedo», konstatas ke:

1- la temo estas vasta kaj traktebla laŭ diversaj vidpunktoj

2- paca kunvivo helpos certe al efektivigo de ĉiu posedo,

Rekomendas ke:

1- ĉiu esperantisto klopodu pacigi sian medion en ĉiu demarŝo al iu ajna posedo plena

2- UTE pacigu kaj arigu ĉiujn fortojn por plene disvastigi Esperanton en Togolando

3- ĉiu membro de UTE akurate sekvu kursojn diversajn de sia eduka fako por bone posedi siajn sciojn esperantajn

4- ĉiu membro de UTE posedu sin mem, t.e. regu sin mem, ke rezultoj de ĉiuj agadoj liaj estu bazo de bonstato de li kaj plie de la medio ĉirkaŭ li.

**Farita en Vogan, la 27-an de decembro 2015**



# Kenjo: Esperanto per Tchoukball

En la ĵus pasinta jaro ni havis multajn ideojn pri Esperanto kaj estas bone, ke ni sukcesis realigi kelkajn el ili, kvankam entute ne facilis. La ideo kiu plej ricevas nian fokuson ĉi-jare estas instrui pri la ludo Tchoukball [ĉukbal] kaj Esperanto, do la interesiĝantoj povos aliĝi al nia movado pro tiu ludo. La ideo estis de s-ro Julio Calegari el Brazilo. Tiu ĉi petis nin starigi teamon de ĉukbal en Nandi por esperantistoj. Tion ni ekfaris en la kunveno okazinta la 31-an de januaro 2016.



E- Tchoukball teamanoj

Kiel montras la ĉi-apuda foto, ni havas nun multajn membrojn por nia ĉukbala ludo. Kompreneble, ne ĉiuj sur la foto jam estas e-istoj, estas ankoraŭ novuloj, sed la bona novaĵo estas, ke en la venonta aŭgusto, ni kuniĝos en tutkenja teamo, kiu tiam partoprenos en la tutkontinenta evento de ĉukbal. Certe temos pri alia okazaĵo por montri al aliaj pri Esperanto en Kenjo.

Ĝenerale ni progresas bone, sed la grandega problemo estas virinoj. Multaj montras viglan interesiĝon pri la kluba vivo, sed nur malmulte da ili ĉeestas en niaj kunvenoj kaj partoprenas en niaj aktivaĵoj. Ili ne havas liberecon decidi pri si mem, kaj por tiuj kiuj havas edzojn, ili devos ĉiam peti permeson aŭ ricevi apogon de siaj edzoj antaŭ ol agi. Krome, ne facilas instrui al homoj, kiuj tuj bezonas subtenon anstataŭ scion por plani sian vivon. Mi persone estas bonŝanca, des pli ke miaj gepatroj ĉiam apogas min en miaj projektoj, do mi ne malesperas en miaj agadoj.

**Sharifa N. Abas**

# Afrika Kongreso 2016 en Tanzanio

La 6-a Afrika Kongreso de Esperanto (AKE) fine okazos en la tanzania urbo Bunda de la 24-a ĝis la 31-a de decembro 2016.

Prepare al tiu ĉi grava kontinenta renkontiĝo, membro de la Afrika Komisiono de UEA Jérémie SABIYUMVA vojaĝis al Tanzanio por tie renkonti lokajn organizantojn kaj viziti la kongresejojn, en la komenco de la ĵus pasinta monato.

La kongresaj varbilo, reta aliĝilo, listo de aliĝintoj kaj la provizora programo afiŝeblas ĉe http://esperanto-afriko.org/ake6en2016.htm

Jam aliĝis 9 esperantistoj de 7 landoj el 2 kontinentoj kaj retpaĝaro http://esperanto.kr/?p=1325 en la kontinento Azio montras pri nia kongreso.

Ni ĉiuj konscias pri la graveco de la 6-a AKE en la vivo de la afrika agado kaj tial faros ĉion eblan por sukcesigi ĝin. Estas tre bonvena ĉiu eta kontribuo!

Por pagi aliĝon kaj mendojn aŭ donacon, vi bonvolu uzi la konton «AKE-2016» ĉe UEA kun preciza indiko pri kiel ni devas uzi vian donacon:

- Ĉu por subteni la kongreson ĝenerale
- Ĉu por subteni precizan afrikanon, en tiu kazo vi bonvolu prefere skribi la nomon kaj la landon de tiu persono.

La Kongresa Organiza Komitato (KOK) dankas al ĉiuj, kiuj malavare subtenas la kongreson.

Pliaj informoj ĉe: ake-2016@yahoogroupes.fr

## Nova libro pri Esperanto en Sudafriko

Aperis la libro de Eric By'Elongo Ish'Eloke: Historio de la Esperanto-movado en Sud-Afriko kaj ties periferioj. Biografie kaj omaĝe por Axel von Blottnitz, kun antaŭparolo de Renato Corsetti kaj postparolo de Vilhelmo Lutermano. Monda Asembleo Socia (MAS), 2015, 188 paĝoj, ISBN 978-2-918300-67-0, kun koloraj fotoj kaj tre persona prezentado de la abunda materialo. La prezo, 12 eŭroj, estas bedaŭrinde sufiĉe alta por la plej multaj afrikaj samideanoj. Sed eble por kelkaj Esperantaj bibliotekoj en Afriko (mi pensas pri la ekzemplo de Togolando) ni povas fari esceptojn.

**Vilhelmo Lutermano**